.Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero. rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj





Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby

PLENUMITA 18/07/2019 Kvarcenttridekkvina eldono (unua eldono 20/09/2011)

**Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.**

**Legu tiujn kiuj interesas vin**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj** reta-vortaro Freelang Vortaro Plena Ilustrita Vortaro Duolingo Google Translate Pasintaj AE eldonoj duolingo entute lingvohelpilo Esperanta Retradio Esperanta himno PMEGramatiko openclipart.

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 838,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 316,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 298,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 224,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.77





En antaŭaj lecionoj ni vidis, ke kiam ni ŝanĝas verbon al substantivo, do kiam la substantivo havas verban radikon, ni povas aldoni al tiu substantivo la originajn Subjekton kaj Objekton de la verbo, per komplementoj kun la prepozicio "de", kiel en "La konstruado de la kompanio" kaj "La konstruado de la dombloko". Tio ĉiam eblas, ankaŭ se ĉeestas nur Subjekto: "La dormado de la infano". Ankaŭ la adjektoj ĉiam povas esti komplementoj de tiaj substantivoj. Por tio ekzistas tri kazoj: **1e**. Se la adjekto estas adverbo, ĝi fariĝas adjektivo: "Ili manĝas rapide" > "La rapida manĝo", aŭ restas adverbo: "Ŝi restas hejme" > "Ŝia restado hejme (aŭ hejma)". **2e**. Se la adjekto estas Prepozitivo ĝi restas tia: "Ŝi kuras en la parko" > "Ŝia kuro en la parko". **3e**. Se la Prepozitivo estas akuzativa, P.A.G. proponas ($139): "Mi vojaĝis Hispanujon" > "Mia vojaĝo Hispanujon" kaj "Dum ni iras hejmen" > "Dum nia irado hejmen". Kvankam tiaj akuzativoj neniel estas malpermeseblaj, mi preferas uzi tiukaze la formojn kun prepozicio: "Mia vojaĝo al Hispanujo" ĉar havi du senprepoziciajn substantivojn unu post la alia estas tre malofta okazo en ĝermanaj kaj latinidaj lingvoj kaj en Esperanto. .

(daŭrigota) *Marcel Leereveld*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***



# Bonvolu subteni la kilometrojn de Katalin

**Kategorio:** Edukado; **Dato:** 2019-07-12 11:13:10




Estimataj membroj de edukado.net En tiu ĉi mesaĝo mi deziras informi vin pri nia konstruota nova programo, per kiu ni volas instigi niajn membrojn al sana vivmaniero kaj samtempe praktikigi al ili Esperanton. "Kunpaŝado ĉirkaŭ la mondo" havos virtualan karavanon, kiu paŝadas pere de la faritaj kilometroj de la membroj. La karavano vizitas Esperanto-lokojn, klubojn, centrojn kaj individuojn tra la mondo.

La pra-version de la programo ni lanĉos en septembro.
Por kolekti monon por la realigo, mi kaj mia edzo Sylvain partoprenos la plej grandan amas-marŝadon de la mondo kaj paŝos dum 4 sinsekvaj tagoj sume ĉ. 140 kilometrojn. La marŝado okazos en Nijmegen (Nimego) en Nederlando, inter la 16a kaj 19a de julio.

Inter la 47 mil partoprenantoj, kiuj venas el pli ol 80 landoj, ni celas informadi ankaŭ pri Esperanto. Laŭ niaj informoj marŝos 6 esperantistoj. Tri paŝontojn el ili gastigos Miko Sloper, la filozofo el la instrufilmo Pasporto al la tuta mondo.

Estus tre bone, se vi sekvus nian marŝadon, stimulus nin per donac-sumoj. La kolektitan monon ni investos en la kreadon de la programo kaj samtempe kalkulos kiel vian jaran donacon por edukado.net, do, super iu sumo vi povos havi liberan aliron al la instrumaterialoj aŭ plene ludi en RISKO ĝis 1400 tagoj.

Bonvolu vidi nian paĝaron kaj subpaĝojn pri la projekto Kunpaŝado:

**Vian sponsor-donacon bv. registri en nia forumo.**

Kore antaŭdankas vin, *Katalin Kovats*, redaktoro

Por vidi nian reklamfilmon klaku al la suba foto kaj por la nuna stato de la monkolektado klaku al la apuda bildo pri la paŝanto.



*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagota kafo atendas vin.
La 21a de julio estos la tria sabato. Venu!



*Roger Springer*



# Reguloj ankaŭ en mia ĝardeno.

## NE BRULIGU VIAN FINGRON !

Multaj homoj ne ŝatas lerni regulojn . Ili ne ŝatas regulojn. Sed ni ĉiuj sekvas regulojn la tutan tempon. Escepte tiujn regulojn nia menso lernis mem, kiam ni estis junaj, el de la naskiĝo, kaj plurajn antaŭ la naskiĝo. Ni ne formulas tiujn regulojn, ni simple diras "Mi bruligis mian fingron ĉar mi metis ĝin en flamon". Kaj anstataŭ diri regulon al niaj infanoj, ni simple ordonas "Ne metu cian fingron en la flamon". La regulo estas, ke se oni metas ion en flamon, ĝi plej ofte bruligas tion. Sed vi ne ŝatas regulojn, do vi simple ordonas kion la regulo klarigas.



Ankaŭ plantoj agas pri preskaŭ ĉio laŭ la reguloj, sed ankaŭ ili, kiel vi, ne scias la regulojn. Oni eble povus diri, ke se vi ne ŝatas lerni regulojn, vi intelekte agas kiel planto. Sed ne mi diras tion. Mi diras kontraŭe ke ni ĉiuj faras la aferojn lernitajn kiel infanoj sen unue lerni la regulojn, sed kiam ni maturiĝis ni kutime lernas novajn aferojn per unue , aŭ samtempe, lerni la regulojn. Almenaŭ se ni ne estas infanoj. Kial? Ĉar lerninte la regulojn ni , plenkreskuloj, pli bone kaj pli rapide komprenas la regulojn de la lernataĵo. Ĉar niaj mensoj havas inteligenton.



Do malŝati la lernadon de la reguloj de la gramatiko ne estas praktika afero, se ni volas pli rapide aŭ pli profunde lerni lingvon. La reguloj de la lingvoj ja nomiĝas "gramatiko". Kompreneble vi pravas opiniante, ke la facileco de lerni regulojn dependas grandparte de la maniero de instruado. Sed lerni sen scii ke ni lernas regulojn, ŝajnas al mi miopa. Jen ekzemplo: Se vi lernis ke principe (t.e. sen interveno de la naturo) en Esperanto nur unu vorto reprezentas unu nocion, unu vortsignifon, vi tuj vidas kiam aperas du vortoj por unu afero (krom en la nature necesaj esceptoj). Do se la viro BATAS la hundon, ĉeestas nur unu ago, kaj konsekvence nur unu vorto, "batas". Se en la angla lingvo la viro "*will beat*" ( aŭ "*IS GOING TO BEAT*") la hundon, vi tuj scias ke tio en Esperanto estus eraro, malobeo al la regulo. Do en Esperanto oni tiukaze devas diri "La viro BATOS la hundon". Se en la angla "*The dog IS GOING TO BE BEATEN*" la kvar verboj indikas nur unu agon, en la regula Esperanto oni povas havi nur unu vorton, memkompreneble. Tiu vorto ne povas ne esti "BATATOS", kiu vorto klere indikas en unu vorto la diversajn partojn de la unu sola ago: la agon mem kaj la



*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

.Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero. rspring@tpg.com.au
tempon en kiu ĝi okazas kaj ke vi rigardas al la unu ago el kontraŭa (pasiva) vidpunkto. Do anstataŭ aŭdi "batatos" kaj lerni ke tio signifas "*will be beaten*" vi pli rapide komprenas la aferon kiam vi jam scias, ke "*will be beaten*" estos unu vorto, kiu enhavas la agon ("bat") plus la pasivecon ("at") plus la tempon ("os"), ĉio unu, kvankam kompleksa, ago. Se vi rigardas la bildon en filmo, vi ne vidas pli da tiu unu ago ol estas menciita en la komenco. Bonŝance Zamenhof preskaŭ ĉiam obeis tiun regulon, se necesa. Preskaŭ ĉiam! PRESKAŬ ĈIAM! Escepte kiam la eŭropanoj devigis lin ne fari tion, nome kiam temas pri la verba Pasiva Voĉo. Sed vi jam korektis tion, ĉu ne? Kaj ankaŭ mi jam korektis tiun malbonŝancan eraron de Zamenhof, ĉu ne? Kaj kiu ne faras erarojn? Nur Esperanto ne rajtas fari erarojn, ĉar ĝi devas esti tiom perfekta kiom eblas.

*Marcel Leereveld.*

**UNU VORTO = UNU NOCIO KAJ UNU AGO = UNU VERBO.**

Ĉi tiu regulo ĉeestas ankaŭ en la eŭropaj lingvoj, sed kun multaj esceptoj ĉe la verboj. Bonŝance Esperanto estas regula. Vidu ekzemple la diferencon inter la agoj en la angla kaj en Esperanto:

| | | |
|---|---|---|
| Mi RICEVAS la leteron. | *I RECEIVE the letter.* | UNU VORTO |
| Mi RICEVIS la leteron. | *I RECEIVED the letter.* | UNU VORTO |
| Mi RICEVOS la leteron. | *I SHALL RECEIVE the letter.* | DU VORTOJ |
| La letero RICEVATAS nun. | *The letter IS (BEING) RECEIVED AT THE MOMENT.* | DU VORTOJ |
| La letero RICEVATIS hieraŭ. | *The letter WAS RECEIVED yesterday.* | DU VORTOJ. |
| La letero RICEVATOS morgaŭ. | *The letter WILL BE RECEIVED tomorrow.* | TRI VORTOJ |
| La letero RICEVIĜAS nun. | *The letter GETS RECEIVED at the moment.* | DU VORTOJ. |
| La letero RICEVIĜIS iam. | *The letter GOT RECEIVED at some time.* | DU VORTOJ. |
| La letero RICEVIĜOS iam. | *The letter WILL GET RECEIVED at some time.* | TRI VORTOJ |
| Mi MANĜIGAS la kokinojn la grenon. | *I MAKE the chickens EAT the grain.* | DU VORTOJ. |
| Mi MANĜIGIS la kokinojn la grenon. | *I MADE the chickens EAT the grain.* | DU VORTOJ. |
| Mi MANĜIGOS la kokinojn la grenon. | *I SHALL MAKE the chhickens EAT t.g.* | TRI VORTOJ. |
| Mi MANĜATIGAS la grenon (de la kokinoj ). | *I MAKE the grain BEING EATEN (by thechickens).* | TRI VORTOJ. |
| Mi ESTAS manĝanta. | *I AM EATING.* | DU VERBOJ. |
| Mi ESTAS manĝinta. | *I HAVE EATEN.* | DU VERBOJ. |
| Mi ESTAS manĝonta. | *I AM GOING TO EAT.* | TRI VERBOJ. |
| Mi MANĜUS la pomon, se ..... . | *I WOULD EAT the apple, if ...... .* | DU VERBOJ. |
| Mi ESTUS manĝonta la pomon, se .. . | *I WOULD BE GOING TO EAT , IF ......* | KVAR VERBOJ. |

Estas notinda, ke en Esperanto estas verboj nur tiuj vortoj kiuj finiĝas per "-as, -is, -os, -us, -u, kaj -i". Do vortoj kiaj "manĝanta" kaj "manĝinta" estas ne verboj sed adjektivoj, kiuj "*eating*" kaj "*eaten*" k.t.p. estis adjektivoj ankaŭ en la angla kaj aliaj eŭropaj lingvvoj antaŭ longa tempo.

*Marcel Leereveld.*



**_Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE_**

***Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.*** rspring@tpg.com.au



**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**

Kunvenas la duan sabaton ĉiumonate,
13.30 ĝis 16.00 horo, ĉambro 1.9
Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj



Petro atendas BES membrojn je la Esperanto Tago, julio 26, en sia verda ĝardeno. Poste, bankedo en proksima restoracio. Nur Esperanton ni parolas.

*Peter Danzer*



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***